ĉi esprimo uzita por la ekstermejoj de la Hitlerfaŝistoj, en kiuj murdiĝis 11 milionoj da homoj el multaj landoj de la terglobo. Aliaj klarigoj de PV ne harmonias kun sciencaj ekkonoj, ekzemple jenaj sociologiaj terminoj.
**„Historia Materialismo“**, pri ĝi diras PV: „doktrino laŭ kiu nur la ekonomiaj faktoj regas la tuton de la socia, politika kaj spirita vivo“.
Laŭ sciencaj ekkonoj ĝi estas doktrino pri la evoluleĝoj de la homa socio, pri la aplikado de la dialektikaj-materialismaj principoj je esploro de la socio. La ekonomio estas fundamento de la multspecaj formoj de la socia vivo.
La vorto **socialismo** estas komentita multvorte, ne trovante la realan kernon. La „Marksisma-Historie Materialisma“ nomita priskribo tekstas: „socipolitika doktrino celanta forigi la plusvaloron, kiun profitas mastro, akcikompanio aŭ ŝtato el la laboro de siaj dungitoj, per starigo de celkonforma mastrumado.“
Sed ke socialismo estas la unua fazo de la komunisma socioformacio, bazante sur kolektiva socia posedo de produktiloj, ke la scienca socialismo estas teorio pri liberigo de la laborista klaso el kapitalisma mastrumado, ke la socialismo forigas la ekspluadon de homoj per homoj – tio ne estas legebla en PV.
**„Komunismo“** estas tiel interpretita: „socipolitika doktrino, kiu celas anstataŭi kapitalismon, detrui la individuan proprumon kaj bazi la ekonomian vivon sur komuneco de la havo.“ (Laŭ PV same marksisma percepto).
Verece, la marksisma doktrino klarigas komunismon kiel senklasa sociordo, la plej alta ŝtupo je la evoluo de la homara socio. Ĝi sekvas la socialisman ordon, ĉiuj siaj membroj estas samrangaj, la produktiloj estas posedaĵo de la popolo, maksimo estas: Ĉiu laŭ siaj kapabloj, al ĉiu laŭ siaj bezonoj“.
La termino kapitalo diversforme estas klarigita, kapitalismo en PV ne estas indikata.
Inverse estas amplekse interpretita la termino **„Bolŝevismo“**. Vere, ĝi ne estas „ismo“, sed historia termino, karakterizanta strategion kaj taktikon de la rusa bolŝevista partio. En PV tekstas i. a. „celado al starigo de proletara diktatoreco, la partioj aŭ naciaj sekcioj estas konsiderataj kiel armeoj komandataj de internacia stabo, la partianoj observas soldatecan disciplinon“. Plua klarigo tekstas: „senmoraleca politika taktiko, sin bazante sur la jezuita diro, ke la celo pravigas la rimedojn“. Oni povas konstati ke en multaj difinaĵoj de PV estas neiita la laŭleĝa evoluado de la homa socio. Same mankas en iuj klarigoj ilia signifo por la socio, kiel ekzemple pri kulturo kaj arto. Mi citas PV: **„Kulturo** estas ĉefe spirita, postulas komprenon kaj senton pri belartoj, beletristiko ktp.“ **„Arto** = prezentado de impresoj, sentoj, ideoj, laŭ subjektiva originala percepto, kreado de la homa faro kontraste al la naturo, konforma al la reguloj de la beleco.“
Mankas esencaj eldiroj, ke ekzemple la kulturo reprezentas la ideologian kaj moralan staton del la socio, esprimita per edukado, klereco kaj ideologio, dependinte de karaktero de la koncerna socio mem.
Pri la arto estus nepre mencienda, ke ĝi estas rimedo por ekkono de la realeco.
Tio nur estis malgranda elekto de komentoj. Mi kontraŭas emfaze pseŭdointerpretojn kiel ekzemple la „marksisma“, nomitajn klarigojn de filozofiaj, politikaj kaj sociologiaj terminoj.

## INFORMOJ

PV klarigas terminojn el multaj specialaj fakterenoj. Ĝi estas fundamenta verko de la lingvistika Esperanto-literaturo. Estigo de tia leksikologia libro estas meritplena kaj analogas al deziro de d-ro Zamenhof kaj al praktika neceseco. Ĝi bazas sur penplena laboro, en ĝi estas investita multspeca kvanto da fakscio. Mi ne mistaksas ĝian valoron kaj ne rifuzas ĝin ĝenerale. Mi nur kritikas la nesciencajn kaj reakciecajn trajtojn en ĝi, bazante sur antikviĝanta burĝara mondpercepto. Komentoj de tiaj terminoj kontribuas fiksigi ilian lingvistikan kaj moralan enhavon. Tiamaniere ĝi povas protekti humanismon kaj progreson aŭ la kontraŭon.
Ne kompreneble estas ke la eldonantoj ne uzis la eblecon korektigi malĝustaĵojn per la suplemento de 1953.
Oni devas konstati ke ĝi jam de post longtempe estas korektigenda, ĉar tiel ĝi helpas disvastigi kaj daŭrigi malverecon kaj malhelpas al nia afero. PV devas estiĝigi akordante kun la nocioj de nia epoko. La mondo de la sesa jardeko estas malsama al tiu de 1934.

---

# Fringo kaj rano

En la frakseno pepas fring'
„pink — pinke pink".
Jen ran' kun ambicia sent'
tuj grimpas ĝis folitegment'
kaj kvakas „ja", pufigas sin:
„Sinjor' najbar', rigardu min!"

Eksonas birda, dolĉa kant':
„Printempa ĝoj' en tuta land' "
Tuj rana voĉo interkvakas,
ke en oreloj aĉe krakas.
Nun kantas „haj — ja, haj" la fring'.
„Mi flugas for!"
Kaj flugas jam per forta sving'.

„Atendu, ankaŭ venas mi!"
Mallerte saltas en aer'
ĝi tuj, sed krude al la ter'
ĝi falas, restas, kvazaŭ sak',
neniam plu ĝi blekas „kvak".

Se iu, kiu nur per pen'
atingis pinton de fraksen'
jam kredas, birdo estus li,
eraras li.

de Wilhelm Busch (Vilhelmo Buŝ)

trad. L. S.

---

„... Mit entsprechendem Profit wird Kapital kühn. 10 Prozent sicher, und man kann es überall anwenden; 20 Prozent, es wird lebhaft; 50 Prozent, positiv waghalsig; für 100 Prozent stampft es alle menschlichen Gesetze unter seinen Fuß; 300 Prozent, und es existiert kein Verbrechen, das es nicht riskiert, selbst auf Gefahr des Galgens."

„... Pro konvena profito kapitalo fariĝas aŭdaca. Se dek procentoj estas certaj, ĝi ĉie estas aplikebla; ĉe dudek procentoj ĝi vigliĝas; ĉe 50 procentoj ĝi fariĝas pozitive riskema; pro cent procentoj ĝi tretas sub siajn piedojn ĉiujn homajn leĝojn; 300 procentoj, kaj ne ekzistas krimo, kiun ĝi ne riskas, eĉ se minacas la pendigilo."

citite de Karl Marks en KAPITALO el „Quarterly Reviewer"

## BELGA ESPERANTISTO PRI TRAVIVAĴOJ EN BERLIN

„La defendado de la Germana Demokratia Respubliko baziĝas sur Konvencio de Varsovio, pri kunlaboro, amikeco kaj reciproka helpo inter la socialismaj landoj, kies armeoj, daŭre kaj frate unuigitaj lau principo de la internacia socialismo, je ĉiu momento estu pretaj kaj plene preparitaj por haltigi ĉian atakon kaj senarmigi atakanton.“

Mi memoris al tiu frazo de defendleĝo de GDR pasintan 1an de majo, kiam mi, troviĝante sur tribuno de Marx-Engels-placo en Berlin, rigardis la armean paradmarŝon. Poste la laboristaro de Berlin pretermarŝis la honortribunon, sur kiu sidis eminentaj gvidantoj de la respubliko, partio kaj sindikataro. Dum kvin horoj 320 000 Berlinanoj manifestaciis por realigo de la decidoj de la 7a partitago, kontraŭ la usonaj agresantoj, kontraŭ la faŝisma reĝimo en Grekio, por liberigo de grekaj sindikatestroj, por paco en Vjetnamio. Delegitoj de entreprenoj, kvartalgrupoj, virinaj sekcioj, junular- kaj sportgrupoj, eĉ kompleta cirko, pretermarŝis.

En certaj medioj oni ofte asertas, ke la orienteŭropaj majomanifestacioj havas tian grandan sukceson, ĉar partopreno de la loĝantaro estas deviga. Neniu tamen donis impreson senti sin „deviga“.

Ni, kelkaj Flandraj liberpensuloj, estis depost sabato vespere (29. 4.) en Berlin. Dimanĉon ni vizitis la urbon. La unua programero surprizis nin: vizito de Maria-preĝejo. La interna aranĝo de tiu preĝejo estas tre moderna. Sed ni ne havis okazon rondiri, ĉar ... la dimanĉa kulto ne povis esti malordigata. Ni ankaŭ vizitis Treptov-parkon kaj poste Pergamon-muzeon. La promeno tra la salonoj de la muzeo estis turista frandaĵo altkvalita. Laŭlonge de „Unter den Linden“ (avenuo sub la tilioj) de Brandenburga arkaĵo, kie mi renkontis bulgaran esperantistinon, ĝis Marx-Engels-placo nur imponaj nov- kaj rekonstruitaj domoj. En la hotelo „Berolina“ funkcias ankaŭ dimanĉe poŝtkontoro, kio permesis al ni sendi bildkartojn al familianoj kaj konatuloj. Posttagmeze ni vizitis Sachsenhausen, kie ni rememoris pri la senbrida krueleco de Hitler-turmentistoj.

Vespere ni havis plezuron akcepti en nia hotelo delegitojn de la Unuiĝo Belgio-GDR kaj de Germana Kulturligo. Deputito Geissler ankaŭ ĉeestis tiun akcepton kaj libere respondis niajn demandojn, i. a. konstatante: en Germana Demokratia Respubliko ne plu loĝas Hitler-ekzekutistoj; en ĉiuj landoj la kontraŭmilitistaj kaj kontraŭfaŝistaj organizacioj devas insisti ĉe la registaroj, ke ili postulu de Okcidenta Germanio la ekstermon de ankoraŭ en tiu lando loĝantaj militkrimuloj; GDR ne rekte propagandas kontraŭ la kapitalismo sed trovas efikajn argumentojn en la apliko de la socialismo. Tiu akcepto estis instruiva por ĉiuj partoprenantoj kiuj volis sin informi pri Germana Demokratia Respubliko.

Albert Bracke, Gent

# Usona Generalo pri la Germana Demokratia Respubliko

La usona brigada eksgeneralo Hugh B. Hester faras en la gazeto „The Churchman“ la rimarkindan konstaton, ke la unika konstruado en GDR „rezultiĝas el la kunlaboro de ĉiuj homoj“ kaj ke GDR „estas regata surbaze de la samopinieco de ĉiuj partioj kaj surbaze de vasta kundecido de la loĝantaro“. Generalo Hester respondis en la usona gazeto al du demandoj de la pastro Thomas H. Chappell, kiuj tekstis: „Ĉu la gazetaro en orienta Germanio povas kritiki Ulbricht-on same libere kiel la 'cenzurata' gazetaro de tiu lando (Usono) tiel ofte kritikas prezidanton Johnson? Kial orienta Germanio devis konstrui la faman muron?“

Jen la respondoj de generalo Hester: „Jam de pli ol 10 jaroj mi skribas al senatanoj, deputatoj de la usona parlamento kaj al la grandaj ĵurnaloj kaj malaprobas per ĉiuj uzeblaj rimedoj de la komunikado la falsan karakteron de la propagando pri la Germana Demokratia Respubliko. Mi vizitis kelkfoje tiun teritorion kiel estro de la Usona Armea Registara Organizaĵo por Nutrado kaj Kamparmastrumado. Kiam la sovetianoj okupis ĝin, ne ekzistis tie organizita societo. Mi povis tie libere paroli kun la germanoj. En 1962 mi pasigis plurajn semajnojn en GDR. Mi vojaĝis ĉien laŭ mia elekto kaj parolis libere kaj sincere kun centoj da germanoj. La rekonstruado post la detruoj el la dua mondmilito estis unika. La plejmulton faris la germanoj mem. La sovetianoj povis nur malmulte helpi, ĉar iliaj perdoj estis ankoraŭ pli grandaj ol tiuj de la germanoj“.

La brigada generalo Hester atentigis pri tio, ke okcidenta Germanio havis pli favorajn kondiĉojn ol GDR pro siaj karb kaj fertrovejoj kaj pro la nombro de la industriaj entreprenoj. „Tamen tiu teritorio (GDR), kie mankis krudaj materialoj kaj rutino en la industria produktado, sukcesis fariĝi la kvina industria potenco en Eŭropo (inkluzive Sovetunio) kaj la deka en la mondo. Rilate al klerigaj kaj sanitaraj aferoj, al sukcesoj en la kamparmastrumado kaj tekniko oni povas nun kompari tiun parton de Germanio, kiu post la dua mondmilito estis la plej postrestinta, kun ĉiu alia lando en Eŭropo.

Tiu ĉi rekonstruado ne estis la rezulto de totalismaj ordonoj, kiel la usona propagando tro volonte kredigus al ni. Ĝi estas la rezulto de la kunlaboro de ĉiuj homoj. La loĝantaro de GDR partoprenas diskutojn pri problemoj el ĉiuj sferoj de sia vivo: kamparmastrumado, klerigaj aferoj, industrio, scienco, medicino, religio kaj regado. Ĝi evoluigas pacan, demokratan socion. Kaj ĝi atingos sian celon, se oni povas malebligi militon el okcidento.

La demando de sinjoro Chappell rilate kritikojn pri Ulbricht en la gazetaro estas tiukaze nediskutebla. La Germana Demokratia Respubliko ne havas iun Johnson. Ulbricht nek povas komenci militon, nek povas arbitre decidi. GDR estas regata surbaze de la samopi-

nieco de ĉiuj partioj kaj surbaze de vasta kundecido de la loĝantaro. Gravaj ŝtataj decidoj postulas unuvoĉecon. Ankoraŭfoje mi volas ripeti, ke en la registaro de la Germana Demokratia Respubliko ekzistas neniu, kies decidrajtojn oni povus eĉ iomete kompari kun tiuj de sinjoro Johnson. Mi ne aludas pri tio, ke Usono estas multe pli potenca ŝtato ol GDR, sed mi parolas pri la relativa potenco.
Sinjoro Ulbricht ekzemple ne povus sendi trupojn al Vjetnamio sen konsento de la parlamento. Se li tion povus, li perdus siajn rajtojn. Tio validas por ĉiuj gravaj decidoj. GDR havas registaron, kies bazon formas la samopinieco kaj ne la diktado.
La demandon, kial ekzistas muro en Berlino, oni povas same facile respondi kiel la demandon, kial ekzistas Ministerio por Defendado. De post 1946 Usono profitis de okcidenta Berlino kiel centron de spionado, sabotado, kaŝmerkato kaj de psikologia militado. Tie oni varbis sabotulojn, kiuj malfunkciigis gravajn industriajn centrojn de GDR kaj devis forlogi faklaboristojn kaj scienculojn, kuracistojn kaj flegistinojn, por subfosi GDR-on. Mallonge dirite, oni uzis ĉiun specon de sabotado por malprosperigi la socian kaj industrian evoluon de GDR.
La muro draste reduktis la efikecon de ĉiuj tiuj formoj de la subfosado de GDR. Unue oni vanigis militofensivon kaj efike kontraŭstaris al ĝi tiun specon de defendado. Fakte la anoj de la malvarma milito sub la gvido de la usona registaro starigis la muron. Se iam la usona registaro decidiĝus fini tiun malvarman militon, iniciitan de sinjoro Truman en 1945 kaj daŭriĝintan la duan mondmiliton, tiam falos la berlina muro kaj aliaj baroj de la internacia kunlaboro".
El „Außenpolitische Korrespondenz" 27. 5. 67 - (Tudmondpolitika Korespondado)

## Sendaĵo da medikamentoj transdonita en Hanoi

Plua granda sendaĵo da medikamentoj ktp. el GDR (valoro: 1,5 milionoj markoj) meze de junio en Hanoi estas transdonita de s-ro Helmut Thiele, sekretaria membro de „Freier Deutscher Gewerkschaftsbund" (libera germana sindikato) kaj de s-roj d-ro Schmaus kaj Wolfgang Fabian, membroj de la germana vjetnama komitato. La donacaĵo — pli ol 12 t da medikamentoj kaj medicinteknikaj aparatoj — estis transportita al Vjetnamio per speciala aeroplano de „Interflug". Per ĝi ankaŭ alvenis sangoplasmo kaj medicinaj instrumentoj de la brita Vjetnamo-komitato. La sango, kiun multaj britaj agresiokontraŭuloj oferis, estis transformita al seka sangoplasmo en GDR.
La prezidanto de l' afro-azia solidarec-komitato en DRV, s-ro Ton quang Phiet Zore dankis pro ĉi-tiu pruvo de solidareco. En konferenco de ĵurnalistoj s-ro Helmut Thiele informis, ke ĝis nun pli al 35 000 sindikatanoj de GDR oferis sangon por la vjetnamaj patriotoj.

(El „Außenpolitische Korrespondenz" 26. 6. 1967)
Trad:. Ernst Wichert

## DIE GEBROCHENEN FICHTEN

Aus Anlaß des 100. Geburtstages des hervorragenden lettischen Dichters Jan Rainis, eines eifrigen Befürworters des Esperanto, erschien in der Lettischen Volksrepublik eine Gedenkschrift in Esperanto, verfaßt von dem Esperanto-Pionier *Ints Ĉaĉe*, einem persönlichen Freund J. Rainis'. Ebenso kam ein schmuckes, reich illustriertes Leinenbändchen heraus, das auf 128 Seiten das Gedicht Jan Rainis' „Die gebrochenen Fichten", übersetzt in 42 Sprachen, enthielt. Inzwischen ist das Lied von den gebrochenen Fichten von verschiedenen Autoren ins Esperanto übertragen worden. Die Übersetzung ins Deutsche stammt von Jan Rainis selbst:

### Die gebrochenen Fichten

Die höchsten Fichten am Meeres-
strand
brach nieder der Sturm mit rauher
Hand,
die Wipfel strebten zum fernen
Licht,
sich biegen, sich beugen,
das konnten sie nicht.

„Du hast uns gebrochen, du feind-
liche Macht,
noch ist der Kampf nicht zu Ende
gebracht:
die Sehnsucht auch nicht im Tode
erlischt,
der Haß in jedem Zweige noch
zischt!"

Und siehe: — die man schon tot
geglaubt,
die Fichten erheben aufs neue
ihr Haupt:
als Schiffe tauchen sie auf aus der
Flut —
zum Kampf mit dem Sturm in
erneuter Wut:

„Wohlan, ihr Wetter der Finsternis,
wir sind des fernen Zieles gewiß!
Ihr könnt uns zerbrechen,
uns spannen ins Joch —
den Aufgang der Sonne,
wir schauen ihn doch!"

Diese deutsche Übersetzung war für unseren Bundesfreund *Hans Manske* die Grundlage für seine Esperanto-Übersetzung:

### La rompitaj piceoj

Piceojn altajn ĉe mara bord'
forrompis venteg' per bruska fort',
la suproj strebis alten al lum',
sin klini al ili ne decis jam nun.

„Nin rompis malice, vi kruda
perfort':
daŭros la lukto ĝis fino de l' sort':
sopiro ja ne jam ĉesas dum mort',
venĝemas ĉiuj branĉoj kun fort'".

Jam mortviditaj — rigardu jen —
piceoj denove leviĝis fier':
aperas ŝipoj jen sur la ondar' —
ventegon persistas ili sur mar':

„Vin gardu, tiranoj el malhel',
ni konvinkiĝas pri nia cel'!
Vi povas nin rompi, subjugi
eĉ nin —
leviĝon de l' suno — ekvidos
ni ĝin!"

## Karl-Marx-Stadt










Am 6. Oktober 1967 wird die Nationale Jubiläums-Briefmarkenausstellung „50 Jahre Roter Oktober" in Karl-Marx-Stadt eröffnet, die bis zum 15. Oktober dauern wird. Im Rahmen der Veranstaltungen der Nationalen Jubiläums-Briefmarkenausstellung haben die Esperantofreunde in Karl-Marx-Stadt ein mehrtägiges Bezirkstreffen vom 6. bis 10. Oktober in der HOG „Pelzmühle" mit internationaler Beteiligung, mit einem reichhaltigen und interessanten Programm vorbereitet.

In besonderen Exponaten wird die internationale Wirksamkeit des Esperanto im Sinne des Friedens und der Völkerfreundschaft gezeigt. Dabei dürfte der Abschnitt „Esperanto im Dienste der Arbeiterbewegung", in dem die engen Beziehungen der Arbeiter-Esperantisten aus dem Bezirk Karl-Marx-Stadt zu den sowjetischen Klassengenossen nach der Großen Sozialistischen Oktoberrevolution nachgewiesen werden, ein besonderer Anziehungspunkt sein.

Von dem Vorbereitungskomitee der Nationalen Jubiläums-Briefmarkenausstellung wurden 6 Sonderstempel entworfen, von denen wir drei faksimiliert haben.

## Potsdam

### Internationaler Esperanto-Klubabend

Am Mittwoch, dem 5. Juli 1967, führte der Potsdamer Esperanto-Arbeitskreis seinen turnusmäßigen Klubabend im Kulturbundhaus „Bernhard Kellermann" durch.

Als Gäste unserer Stadt und unseres Arbeitskreises konnten wir aus der Volksrepublik Polen die Esperantofreundin Marta Poplawska aus Poznan und aus der CSSR den Jugendfreund Stanislav Schwetter, Havirov, zu einem Rundtischgespräch begrüßen.

In angeregter Unterhaltung wurden Fragen und Antworten über politische Probleme, Tagesfragen und den Aufbau der durch den faschistischen Weltkrieg zerstörten Städte gestellt und beantwortet.

Unsere Freundin aus der VR Polen wird noch einige Städte unserer Republik besuchen und der tschechoslowakische Jugendfreund wird einige Wochen im RAW Potsdam als Volontär arbeiten.

### Treffen der Esperantofreunde

An einem arbeitsfreien Sonnabend im Juni trafen sich im Kulturbund-

haus „Bernhard Kellermann“ die Esperantofreunde aus dem Bezirk Potsdam. Der Leiter des Bezirksarbeitskreises Potsdam, Richard Rabenalt, begrüßte recht herzlich unter den Gästen das Mitglied des Zentralen Arbeitskreises der DDR, Rudolf Hahlbohm, den 1. Bezirkssekretär des DKB in Potsdam, Heinz Rupp und Gäste aus verschiedenen Orten unseres Bezirkes und aus Berlin. Die Neuruppiner Delegation war mit 18 Jugendlichen und mit 5 älteren Esperantisten unter der Leitung des Schuldirektors Ludwig Schödl vertreten.

Bundesfreund Hahlbohm vom ZAK hielt ein Referat über den wegweisenden VII. Parteitag der Sozialistischen Einheitspartei Deutschlands mit vielen aus den Hinweisen und Beschlüssen ergebenden Aufgaben für die Esperanto-Tätigkeit in unserer Republik. Daran anschließend wurden wichtige Fragen diskutiert und wertvolle Erfahrungen ausgetauscht.

Zu Ehren des 50. Jahrestages der Großen Sozialistischen Oktoberrevolution haben die Esperantisten folgende Verpflichtungen übernommen:

1. Die internationale Korrespondenz wesentlich zu erweitern.
2. Im Oktober im Kulturbundhaus „Bernhard Kellermann“ Potsdam und im Kreiskulturhaus Babelsberg je einen Anfängerkursus zur Erlernung der internationalen Sprache „Esperanto“ durchzuführen.
3. Zur Werbung ausländischer Besucher und Touristen für unsere Stadt der Schlösser und Gärten den Prospekt „Sanssouci“ und das Führungsbuch „Potsdam“ in Esperanto zu übersetzen.
4. Nach Erscheinen des Lehrbuches sollen in Neuruppin und in Altruppin möglichst 5 neue Lehrzirkel gebildet werden.

Im weiteren Verlauf der Veranstaltung erläuterte Freund Zenkert allen Anwesenden die farbenprächtigen Aufnahmen seiner vorjährigen Reise in die Sowjetunion (Krim und Jalta).

Die Neuruppiner Jugendgruppe zeigte ein frisch-fröhliches Jugendleben mit Gesängen, Volksliedern, Volkstänzen und Rezitationen. Mit Beifall wurde das Lied der amerikanischen Freiheitskämpfer und die in wechselnder Versform vorgetragene Korrespondenz mit Esperantisten aller Nationen unseres Erdballes aufgenommen.

Zum anschließenden Tanz spielte die Musikkapelle aus dem RAW Potsdam. Alle Teilnehmer waren der Meinung: Es war ein gelungenes, lehrreiches und vergnügtes Treffen.

F. Görlich

*Auch bei diesem Treffen wurde erkennbar, daß die Reste der „konservativen Esperantobewegung“ wie z. B. Sektierertum und die daraus entspringende Resignation überwunden werden und eine deutliche Identifizierung mit unserem Staat, seiner Friedenspolitik und das Verschmelzen mit der Zielsetzung und Tätigkeit des Deutschen Kulturbundes erfolgt.* (- R. Hb. -)

**Schwerin**

An der V. Esperanto-Sommer-Universitätswoche in Guyla/Ungarn vom 8. bis 15. Juli dieses Jahres beteiligten sich 5 Bundesfreunde aus der Deutschen Demokratischen Republik. Etwa 120 Teilnehmer aus 10 Nationen verlebten 6 herrliche Tage in der „Stadt im Grünen“. Recht interessante Vorträge, z. T. mit Lichtbildern, über die verschiedensten Wissensgebiete in Esperanto gehalten, wechselten ab mit ausgezeichneten kulturellen Darbietun-

gen an den herrlichen Sommerabenden.
Die Bundesfreunde Koch (Jena), Stechert und Thormann (Schwerin) legten vor der Prüfungskommission der Esperanto-Sommer-Universität das Esperanto-Sprachexamen A mit „Auszeichnung“ ab.
Im Namen der Teilnehmer der DDR dankte Bundesfreund Thormann dem Präsidium der Esperanto-Sommer-Universität für die gut gelungenen Veranstaltungen und den ungarischen Esperantofreunden für die herzliche Gastfreundschaft. —Th.—

**Halle**

In der Erkenntnis, daß Freude und Erholung eine schöne und aktive Seite der Freizeitgestaltung sind, organisierten wir einen Ausflug in den schönen Harz. In einem vorher bestimmten Gasthaus wurde Mittag gegessen, Kaffee getrunken und anschließend gewandert. Dabei konnten sich die Teilnehmer ungezwungen kennenlernen und besser und leichter Konversation betreiben. Auch sprachlich wurde die Exkursion gut vorbereitet. Wesentliche Merkmale wurden schon im Kursabend besprochen, so daß die Anfänger bei der Wanderung die wichtigsten Ausdrücke zur Hand hatten, um mit den Fortgeschrittenen konversieren zu können. — Und diese Maßnahme war richtig. So ein gemeinsames Wandern mit den schönen Gegebenheiten ist schon eine feine und sehr instruktive Sache.
Wir fuhren mit der Eisenbahn nach Thale, von dort mit dem Autobus nach Treseburg, wo wir vorerst Treseburg besichtigten. Es war eine Freude, das Suchen nach Gesprächen, das Finden der richtigen Ausdrücke, das gegenseitige Verstehen und Kennenlernen zu beobachten. Die Wanderung durch das pittoreske, herrliche Bodetal, eine Perle des Harzes, gibt schon durch sich selbst viele Anknüpfungspunkte und Möglichkeiten zur Diskussion.
Gemütlich, lustig und angeregt durch Humor wanderten wir Thale zu, um wieder mit dem Zug heimzufahren. Ein herzlicher Abschied mit dem Vorsatz, im Herbst wieder eine gemeinsame Wanderung zum Zeitpunkt der Blattfärbung zu unternehmen, ließ alle zufrieden auseinandergehen.
Auch nachher wurden im Kursabend noch einmal die Erlebnisse und Diskussionen rekapituliert und methodisch behandelt, wie z. B. unser Staat und seine Regierung, Wahl und Wahlvorbereitungen, unser Garten und ich, Ferien, Ferienplätze, Ferienreisen, Aufenthalt im Ausland und im Hotel und damit zusammenhängende Fragen behandelt.

Alois Jauernig

**Dresden**

**Treffen der Völkerfreundschaft**

Unter dem grünen Stern stand die Begegnung mit polnischen und ungarischen Esperantisten, die Genosse Walter Raédler vom Esperantozirkel in Niesky gelegentlich seines Besuches im Juli in Zary (Volksrepublik Polen) hatte.
Dreißig, zumeist junge Freunde, waren während zweier Tage vereint bei angeregter Unterhaltung, um den Wissensdurst zu stillen. Musik und Tanz ließen die gemeinsamen Stunden im Fluge vergehen. Die Lehr- und Ausbildungsräume eines Technikums wurden besichtigt und bewundert. An dieser Stätte haben sich junge Studenten schon vor zwei Jahren zu einem Esperantozirkel zusammengefunden und arrangieren nun gegenseitige Auslandsbesuche.
Eine Autobusfahrt führte diese internationale Runde aus drei Ländern in die in vielem Grünschmuck

stehende, ökonomisch, kulturell und architektonisch aufblühende Stadt Zielona Gőra.
Esperantist Sygfryd Wysocki, Dozent am Technikum in Záry, ist der vorzügliche Initiator und Organisator (unterstützt von seinem Direktor und dessen Stellvertreter) dieses interessanten und erlebnisreichen Treffens, das ganz im Zeichen der Völkerfreundschaft stand.

## Gera

### Renkontiĝo en Greiz

La juna grupo de la Esperanto-amikoj en Greiz invitis la gesamideanojn el la ĉirkaŭaĵo al renkontiĝo en Greiz por la 29-a de julio 1967.
Malgraŭ la malfavora vetero en la fruaj antaŭtagmezaj horoj sekvis entute 35 gesamideanoj el Greiz, Reichenbach, Neumark, Werdau kaj Zwickau la inviton. Komuna promenado tra la konata Leninparko de Greiz estis ebla.
Tagmanĝo nin atendis en la bela klubejo „Aleksandro de Humboldt“ de la Germana Kulturligo de Greiz. Ke la junaj esperantistoj, sub la lerta gvidado de la kursestro, s-ano Erich Würker, en la mallonga tempo de la lernado de Esperanto, jam bone scipovas uzi la lingvon, pruvis prezentado de poemoj en Esperanto, i. a. la poemo de J. R. Becher pri Lenin.

La ĉefa programpunkto estis lumbildparolado de s-ano Erich Würker el Reichenbach pri Sovetlando, omaĝe al la 50a datreveno ĉijare de la Oktobra Revolucio en Sovetunio. Kun lerteco li scipovis informi nin per prezentado de memfaritaj bildoj dum siaj vojaĝoj en Sovetunio, pri la multnombraj sukcesoj de Sovetunio en sia batalado por paco kaj konstruo de komunismo. Ni, la anoj de la Germana Demokratia Respubliko, havas en Sovetunio veran amikon, kaj kiam en kelkaj semajnoj estos la jubileo de Oktobro-Revolucio, tiam ni havas la rajton kaj ankaŭ la devon, partopreni en la festado.

Precipe nin Esperantistoj estiĝas la tasko, dank' al la genia rimedo, nia lingvo Esperanto, fidele kaj senlace subteni la porpacan laboron.

La alia parto de la programo prezentis plu gajan karakteron kaj serĉadon de dusencaj vortoj en la germana lingvo, kiuj ĉe traduko esperantlingven havas alian karakteron kaj donis al la novaj adeptoj plezuron kaj samtempe okazon, mem uzi la eblecon, paroli en Esperanto.

Kiam en la malfrua posttagmezo la gastoj el aliaj lokoj devis diri adiaŭ, ili ĉiuj disiris kun la sento, ke la horoj en esperantista rondo ne nur estis amuzaj, sed ke estas la deziro, baldaŭ renkontiĝi denove.

Herbert Häußler

---

**Um die Arbeit der ehrenamtlichen Redaktionskommission zu erleichtern, bitten wir, Berichte über die Tätigkeit der Zirkel, Kreisarbeitsgruppen und der Bezirksarbeitskreise in doppelter Ausfertigung — möglichst in Schreibmaschinenschrift — einzureichen. Die Manuskriptseiten sollen nicht mehr als 33 Zeilen mit etwa je 60 Anschlägen enthalten. Unter Vermeidung von Wiederholungen und selbstverständlichen Geschehnissen sind die Berichte kurz und sachlich zu fassen. Die Redaktionskommission behält sich vor, unbegründet lange Artikel oder Berichte zu kürzen bzw. zu redigieren.**

# Herzliche Gratulation dem Vorsitzenden unseres ZAK

In Anerkennung hervorragender Verdienste im Kampf gegen den Faschismus und beim Aufbau der DDR wurde der Vorsitzende des Zentralen Arbeitskreises der Esperantofreunde der DDR,

**Bundesfreund und Genosse Rudi Graetz**

am 14. September 1967 mit dem Vaterländischen Verdienstorden in Bronze ausgezeichnet.

Unsere Gratulation zu dieser hohen staatlichen Auszeichnung verbinden wir mit einem herzlichen Glückwunsch zu seinem 60. Geburtstag, den er im Juni d. J. feierte.

Unter der Leitung von Rudi Graetz hat sich der ZAK zu einem arbeitsfähigen Organ der Esperantofreunde der DDR entwickelt. Dabei verstand er es, seine reichen Erfahrungen aus der ehemaligen Arbeiter-Esperantobewegung, in der er in Mecklenburg führend tätig war, bei der Neuorganisierung der Esperantobewegung als Sektion des Deutschen Kulturbundes bestens zu nutzen.

Wir wünschen unserem Rudi Graetz vor allem Gesundheit und Schaffenskraft sowie weiterhin erfolgreiche Arbeit sowohl als Vorsitzender unseres ZAK als auch in seiner verantwortungsvollen beruflichen Tätigkeit.

Die Mitglieder des ZAK

# *Revoj pri Moskvo*

*Revoj pri Moskvo,*
*nokta lumbril'!*
*Ho, flugis la tagoj jam for . . .*
*De l' Spasski-turo*
*aŭdiĝas konsil':*
*Prikantu l' estonton el kor'!*

*Relvagonaroj!*
*Motorsonor'!*
*Heroldoj de pluaj celoj:*
*Morgaŭ jam fratoj,*
*a! dank' kaj honor'*
*brilos ĉe ni ruĝaj steloj!*

*Songô de hieraŭ,*
*hodiaŭ ver':*
*Bele ĉi-vivon ni sentas!*
*Se verkas manoj*
*al granda konker',*
*rikolt' feliĉa abundas.*

*Revu pri Moskvo!*
*Knab' kaj knabin'!*
*Bon' planu tempojn estontajn!*
*Kun granda fervor'!*
*Unuigu vin!*
*Sekvu la flagojn flirtantajn!*

Walther Viktor

Omaĝe de la 40-jara datreveno
de la Granda Oktobra Revolucio
en Moskvo

*Esperantigita: Erich Würker*

# KORESPONDDEZIROJ

**Ĉeĥoslovakio**

Letervesperon en novembro organizas Esperanto-Rondeto. Korespondproponoj pri ĉiuj temoj estas tre bonvenaj. Ĉiu skribinto ricevos dankrespondon. Skribu afable al: Adolf Staňura, por Esperantorondeto, Ĉkalov-strato 863, Ostrava-Poruba (ĈSSR).

**Germana Demokratia Respubliko**

Kontakton kun eksterlandaj stelamikoj serĉas astronoma rondo „Bruno H. Bürgel". Adreso: Arnold Zenker, 15 Potsdam (GDR), Seestrato 17.

**Hungario**

S-ro Gyarmathy Zsolt, Gyula, Szegedi Kiss István ut 18, fakinstruisto, deziras ricevi librojn originale verkitajn en Esperanto. Rekompence mi sendos kion la sendonto deziras.

**Maroko**

Mi estas Muzelmano, Marokano, havas 27 jarojn kaj laboras en la Marokofervojo kiel seruristo. Mi amas naturon, sporton, vojaĝojn, kolektas poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn de tuta mondo. Mi deziras korespondi kun la tuta mondo pri diversaj temoj: geografio, politiko, literatur, historio ktp. Mia adreso estas: Bayod Hoceine, 35 Rue de la Mosquée Tabriquet, Salé (Maroko).

**Sovetunio**

Aristarkov Kostja, Leningrad D 40, Do vostrelovanija (UdSSR), deziras interŝanĝi alumetetiketojn, gramofondiskojn, esperantoliteraturon, naciajn revuojn el tuta mondo.

En Rostov-Don estas malfermita junulara esperantista grupo, „La juna amikeco", kies prezidanto estas la tre aktiva junulo Viktor Zarajĉenko, Zavodskaja ulica 25, Rostov-Don 33 (UdSSR). La junaj esperantistoj volonte korespondos kun samaĝaj geamikoj el ĉiuj partoj de la terglobo kaj volas interŝanĝi bildkartojn, pentraĵojn ktp. Dum la lernojaro ili regule kunvenadas ĵaŭde en la luksa Kulturpalaco de la konstruistoj, kiu situas en la centra parto de Rostov-Don.

---

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis der Esperantofreunde der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf 22 59 91. Verantwortlicher Redakteur: Eugen Menger, Redaktionskommission: Otto Bäßler, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Dr. Emil Rechtziegler, Erwin Schleusener, Willi Vildebrand. Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte KG Glauchau